# Etnismo

ISSN0930

N-ro 82 INFORMILO PRI ETNAJ PROBLEMOJ 30.06.2008








*El Eurolang*
*tradukis Daniele Vitali*

# NEDERLANDO KAJ MINORITATAJ LINGVOJ

## Ratifinte la Eŭropan Ĉarton por Regionaj kaj Minoritataj Lingvoj antaŭ dek jaroj, Nederlando ankoraŭ ne aplikas ĝin

Ĉiujare **IKEL** kutimas prezenti la situacion de la minoritataj lingvoj en la lando, kie okazas la Universala Kongreso pere de artikolo en ***Etnismo*** kaj pere de prelego dum UK. Ni trovis interesajn informojn en la retejo *Eurolang*, kaj je la lasta paĝo de tiu numero vi trovos informojn pri la fakprelego de **IKEL**, kiu integriĝas en la kongresa temo.

*Ljouwert*, merkredon, la 12-an de marto 2008
Informas: *Onno P. Falkena*

Kvankam Nederlando estis unu el la unuaj kvin landoj, kiuj subskribis kaj ratifis la Eŭropan Ĉarton por Regionaj kaj Minoritataj Lingvoj en 1998, la nederlanda ŝtato ankoraŭ ne aplikas ĝin. Ĉi-semajne la Konsilio de Eŭropo celebras la 10-an jubileon de la Ĉarto kaj de ties Kadra konvencio por naciaj malplimultoj.


Gerrit Ybema

*Gerrit Ybema*, prezidanto de la organo, kiu konsilas la nederlandan registaron, parolis kun *Eurolang* pri la aplikado de la Ĉarto, esprimante sian malkontentecon pri la koncerna situacio en Nederlando. «Ni akiris kelkajn pozitivajn rezultojn, sed ni suferis ankoraŭ pli da seniluziiĝoj. Por plibonigi la instruadon de la frisa necesas pli ol amikecaj vortoj: kion la frisa bezonas estas klaraj intervenoj rilate monon kaj leĝojn. Bedaŭrinde, Hago estas ekstreme hezitema antaŭ tiaj intervenoj».

### LA FRISA EN LA LERNEJOJ

Nederlando ratifis la normojn de la Ĉarto kaj asertis ke "signifa parto" de la elementa edukado okazos en la minoritata lingvo, sed fakte multaj lernejoj en Frislando instruas la frisan nur dum unu horo semajne, aŭ eĉ malpli. Tamen, ne tiel okazas ĉie, kaj malgranda reto el 15 trilingvaj lernejoj (kun la frisa, la nederlanda kaj la angla) estas pozitiva escepto.
Laŭ *Ybema*, unu el la plej seriozaj problemoj konsistigas la fakto, ke multaj elementlernejaj instruistoj en Frislando ne kompetentas por instrui la frisan. «Hago devas entrepreni klarajn paŝojn por ŝanĝi tiun ĉi situacion, aŭ ili devos transdoni la koncernan povon al la provinco Frislando». Ankaŭ rilate financojn, la nederlanda registaro donas apenaŭ pli ol ĝi donis antaŭ 10 jaroj, laŭ *Ybema*. «La provinco Frislando investas konsiderinde pli da mono por la frisaj lingvo kaj kulturo ol antaŭ 10 jaroj, sed la subteno flanke de la centra registaro restis pli malpli je la sama, malalta, nivelo.»



La frisa lingvo en Nederlando

### LA FRISA KIEL KONTRIBUO AL EŬROPA DIVERSECO

Inter 1998 kaj 2002, *Gerrit Ybema* estis ano de la nederlanda registaro, kun la tasko de ministro de Ekstera komerco por la liberal-demokratia partio D66[1]. Laŭ li kaj surbaze de lia sperto, multaj altaj funkciuloj kaj parlamentanoj en Hago ankoraŭ komprenas la valoron de la frisaj lingvo kaj kulturo kadre de eŭropa diverseco: «Ili ankoraŭ konceptas la frisan kiel regionan folkloron, kaj volas elspezi kiom eble malplej

multe por ĝi. Ni daŭre devas lukti kontraŭ ĉi tiu pensmaniero».

## LA FRISA EN LA RADIO

Krom edukado ankaŭ la sektoro de frisa radio kaj televido bezonas subtenon, laŭ *Ybema*. «*Omrop Fryslân* estas ankoraŭ konsiderata unu el la 13 regionaj elsendostacioj de Nederlando, sed la realo estas alia: temas pri la sola elsendostacio en minoritata lingvo de nia lando, kaj tial ĝi havas apartajn bezonojn».

*Ybema* kredas, ke *Omrop Fryslân* devus grandiĝi por fariĝi kompleta elsendostacio, kiu produktu ĉiuspecajn programojn (inkluzive de porinfanaj elsendoj kaj fikcio), kaj ricevi pli altan budĝeton.

## LA KONSILIO DE EŬROPO KRITIKAS NEDERLANDON

La Konsilio de Eŭropo esprimis bedaŭron pri la sinteno de la nederlanda registaro. Dum la lasta vizito de *Comex* (komitato de spertuloj) en Frislando kaj Hago, fariĝis klare, ke la nederlanda registaro tro malrapide liveras la necesajn informojn kaj, kiam ĉi tiuj informoj finfine estis je dispono, ili estis nur en la nederlanda. «La raporto de la komitato pri la membro-ŝtato Nederlando fariĝas pli kaj pli kritika», devas konstati *Ybema*. «Mi imagas, ke la venonta eĉ superos la laste aperintan». ***Eurolang 2008***




**Ekster Nederlando (okcidenta Frislando) la frisa lingvo estas ankaŭ parolata en norda Germanio (orienta Frislando kaj norda Frislando), kaj en Danlando.**

---

Noto:
[1] *Democraten 66*, sociale-liberala politika partio en Nederlando fondita en 1966.
http://www.eurolang.net/index.php?option=com_content&task=view&id=3038&Itemid=1&lang=fr

*Nicole Margot*

# IO MOVIĜAS EN FRANCIO



## LA REGIONAJ LINGVOJ EN LA KONSTITUCION

La 22-an de majo, kadre de pripensado pri modernigo de la respublikaj institucioj, la franca Nacia Asembleo akceptis, kun granda plimulto, la 1-an artikolon de la Konstitucio pri malcentriga organizo de la franca Respubliko. Aparte gravas, en tiu akcepto, la amendo de *Jean-Luc Warsmann*, prezidanto UMP[1] de la komisiono de la leĝoj pri: «La regionaj lingvoj apartenas al la nacia heredaĵo». Grava kaj surpriza decido por ĉiuj certe, sed oni ne devas forgesi, ke, por esti valida, tiu teksto, kiu kunigis la aprobon de la dekstruloj kaj de la maldekstruloj, devas ankoraŭ esti akceptita de la Senato, kaj poste de la du ĉambroj (Senato kaj Nacia Asembleo) kongresontaj julie en la kastelo de Versajlo[2].

## DEBATO DE LA 7-A DE MAJO

Tiu pozitiva voĉdono multon ŝuldas al senvoĉdona debato pri "la loko de la regionaj kaj minoritataj lingvoj" okazinta du semajnojn antaŭe, ankaŭ en la Nacia Asembleo[3]. Dum tiu debato «multaj esprimis la deziron, ke la regionaj lingvoj ricevu lokon en la Konstitucio», rememorigis Sinjoro *Warsmann*, kaj la estraro tiam engaĝiĝis por venonta leĝo favore al la regionaj lingvoj. Tre tabua estis la temo en Francio ĝis tiu debato, kaj la opozicioj restas fortaj ĉe la subtenantoj de "Respubliko unueca kaj ne dividebla".

Tiu opozicio facile kompreniĝas, se oni konsideras ke, ekde jarcentoj la franca lingvo, kiel ununura lingvo estis centra zorgo en la konstruo de la franca nacio.

### UNU LINGVO - UNU NACIO

Ekde la 16-a jarcento la absolutista monarkio kun Francisko la 1-a kaj lia edikto de *Villers-Cotterêt* (1539), kaj Ludoviko la 14-a kun liaj ambicioj pri potenco, uzis la francan lingvon por lukti kontraŭ feŭdeco kaj trudi sian povon. La skribita franca lingvo estis stabiligita kiel unika kaj centra lingvo ekde la 17-a jarcento (Franca Akademio, *Richelieu*, 1634). Ekde tiam ĝi fariĝis la "elita" lingvo -administra, jura, politika-. Je la 18-a jarcento la Revolucio ĝin instituciis kiel universalan lingvon, lingvo de "la Lumoj", de la "Granda Nacio", de la "Libereco" kaj de la "emancipiĝo el la Malnova Reĝimo". La parolantoj de la aliaj lingvoj estis tiam konsiderataj kiel malamikoj de la revoluciaj ideoj. Laŭlonge de la 19-a kaj 20-a jarcentoj la ŝtato daŭre plifortigis la monopolon de la franca lingvo, starigante ĝin kiel la solan instrueblan lingvon. La lernejo havis efektive gravan rolon por formi francan civitanon, kies ĉefa kompentento devis esti franclingva esprimiĝo. Ĉar en Francio, kie Ŝtato, Nacio kaj Registaro konstituas unuecan elementon, la temo de la lingvo ĉiam fariĝis centra.



La kardinalo *Richelieu* pentrita de *Philippe Champagne*.

### LA EŬROPA ĈARTO POR REGIONAJ LINGVOJ

En 1992 la franca konstitucio (V-a respubliko, 1958) estis kompletigita, je la artikolo 2, per la sekva teksto: "La respublika lingvo estas la franca". Tiu aldono, kiu unue celis lukti kontraŭ la kreskanta uzo de la angla, estis poste uzata kiel argumento por ne ratifi la Eŭropan Ĉarton pri Regionaj aŭ Minoritataj Lingvoj. En 1996 la prezidanto *Jacques Chirac*, kaj en 1998 *Lionel Jospin* provis antaŭenirigi la aferon sed la Ŝtata kaj la Konstitucia Konsilioj[4] ĉiam malakceptis tion, bazante sin sur tiu artikolo por aserti, ke la Ĉarto ĝin kontraŭstaras. La 7-an de majo 1999 la estraro *Jospin* subskribis la dokumenton sed, sub la influo de *Jacques Chirac*, la Konstitucia Konsilio rifuzis la ratifon, sin bazante denove sur la aldonaĵo de 1992, kaj de tiam la temo restis ne tuŝita ĝis tiu jaro.

## EVOLUO DE LA MENSOJ

Ĉu la plensukcesa filmo "*Bienvenue chez les Ch'tis*"[5] kontribuis al tiu ŝanĝo en la franciaj mensoj favore al la regionaj lingvoj? Povas esti, tamen pli gravas, ke de 20 jaroj la defendantoj de etaj lingvoj regule aŭdigas sian voĉon kaj kontribuas al la evoluo de la ideoj. *François Bayrou*, okcitano, kandidato al la francia prezidanteco kontraŭ la nuntempa prezidanto *Nicolas Sarkozy*, jam lastjare dum sia kampanjo esprimis subtenon al la kaŭzo de la lokaj lingvoj, kaj pli kaj pli multiĝas artikoloj favoraj al tiuj lingvoj.

### ĈIRKAŬ 75 REGIONAJ LINGVOJ

Oni konsideras kiel franciajn lingvojn la regionajn aŭ minoritatajn lingvojn tradicie parolatajn de francaj civitoj sur la teritorio de la ŝtato. Sub tiu nomo ne povas esti kalkulitaj la lingvoj de la enmigrintoj, kiel ekzemple la dialekta araba, multe parolata en Francio. Kaj, laŭ tiuj kriterioj inspiritaj de la Ĉarto, oni nombras ĉirkaŭ 75 lingvojn en la Metropolo kaj en la Transmaraj Teritorioj.

Sur la mapo pri metropola Francio (p.5) vi povas vidi la ĉefajn lingvojn de Francio, kaj plej parte el ili posedas multajn variantojn, la franca estante varianto de la ojlaj lingvoj. La plej granda nombro de tiuj lingvoj ŝajne troviĝas ekster la metropolo: la kreolaj en Kariba areo, la indiamerikaj de Gvajanio, la 28 kanakaj lingvoj de Nova Kaledonio, la lingvoj de franca Polinezio ktp. Estas interese aldoni, ke la franca signa lingvo ankaŭ apartenas al tiu listo.

Oni rajtas instrui nedevige kelkajn lingvojn ekde 1951: la eŭskan, la bretonan, la katalunan kaj la okcitanan. Aldoniĝis poste la korsika, la tahitia kaj melaneziaj. Ekde 1970 tiuj lingvoj povas esti elektitaj por abiturientiĝi. La franca gazeto *Libération* opinias, ke la nombro de lernantoj pri tiuj lingvoj progresis de 60% ekde 2001.

### KION ALPORTAS LA VOĈDONO?

Ĉu tiu akcepto de la Nacia Asembleo alportos iun konkretan progreson favore al la regionaj lingvoj de Francio? Oni kompreneble devas unue atendi la definitivan ratifon menciitan komence de tiu artikolo. Sed tiu akcepto de la amendo, subtenata de la estraro, ŝajnas integriĝi en konkreta politiko. La celo de tiu konstitucia artikolo klare estas: «ebligi leĝon por normigi kaj organizi la lernadon kaj la uzon de tiuj lingvoj» asertas *Libération*, kaj la ministro de la kulturo promesis leĝon por faciligi la uzon de tiuj lingvoj. Sed multaj defendantoj de la regionaj lingvoj restas skeptikaj, kiel oni povas legi en la bretona presagentejo. La "respublikanoj", tradiciaj opoziciuloj al la lokaj lingvoj, sentas sin forlasitaj de la politikistoj kaj de la ĉefaj franciaj gazetoj: *Le Monde*, *Libération* ktp. Ili laŭte krias, ke Francio revenas al feŭda epoko kaj ege timas, ke tiu rekono kondukos al la ratifo de la Ĉarto.

Aliflanke multaj, kiel *Claude Hagège*, montriĝas pesimistaj pri la saveblecoj de tiuj lingvoj, tiom longe kontraŭstarigitaj. En intervjuo, tiu lasta proponas kuracilon aŭdacan por la franca politika kunteksto: «La regionaj lingvoj estas tiom fragilaj, ke, por eviti la kompletan malaperon, kiu minacas ilin, necesus enormaj investoj kaj riskoprenoj, kiel faris la hispanoj donante grandan aŭtonomion al eŭskoj kaj katalunoj». Aliflanke multaj nun akceptas subteni plurlingvecon de Francio nur pro la malbona stato de tiuj lingvoj, «kiuj ne plu konsistigas danĝeron por la unueco de Francio».

## KION PRI LA OPOZICIULOJ?

Ĉu tiu voĉdono kondukos al ratifo de la ĉarto? En la Respublikana Revuo oni asertas, ke *Christine Albanel*, ministro de la Kulturo, dum la debato de la 7-a de majo, klare flankenmetis tiun eblecon. Por kompreni la timojn de la "respublikanoj" ni legu vortojn de *René Andrau*, kunprezidanto de la Respublikana Komitato kontraŭ la Ĉarto, kiu verkis kritikan analizon de la eŭropa Ĉarto kaj konsideras, ke: «la respublikanaj valoroj, hodiaŭ ofte kritikataj kaj for-gesitaj, estas la plej bona barilo kontraŭ la risko de socia malkonstruo kaŭzata de nia malvarma liberalisma socio.» Oni povas konstati, kiom la respublikanaj timoj esprimas foje fantasmojn for de la realo. Ĉar kio estas la ligo inter liberalisma socio kaŭzante malkonstruon de la socio, kaj la uzo de regionaj lingvoj? Same mi povis legi en iu teksto de *Action Républicaine*, ke la Ĉarto pri minoritataj lingvoj «enhavas projekton de socio kontraŭstarantan la respublikajn valorojn hereditajn de la Revolucio, proklamante absolutan egalecon de ĉiuj civitanoj antaŭ la leĝo, kiu ajn estu iliaj originoj, kaj la rifuzon de malsimilismo etna aŭ regiona.» Mi ne volas tro eniri tiun ideologian debaton, sed malfacile mi komprenas, kiel la uzo de regionaj lingvoj kaj la etna aparteneco kontraŭstaras egalecon antaŭ la leĝoj. Certe ankaŭ regionistoj kaj etnistoj adoptis valorojn hereditajn de la Revolucio, kiel tiujn de la Homaj Rajtoj, kaj tiujn de demokrateco, sed ŝajnas, ke por la respublikana opozicio nur unulingva Francio povas garantii egalecon kaj demokratecon.

Iom pli realisma tamen estas la argumento, ke unulingva Francio pli faciligas interkompreniĝon de la francaj civitanoj. Kaj certe ekzistis en la epoko de la Revolucio ekzemple, ia sincera idealismo pri interkompreniĝo. Sed eĉ tiun argumenton oni facile povas refuti, ĉar la franca lingvo ekde la komenco estis trudata por fortigi povon. En la 16-a jarcento oni povus elekti la okcitanan tiam pli prestiĝan ol la franca. Kaj trudo de unu lingvo estas ia perforto detruanta kulturon, kiu, male al la revoluciaj idealoj, kreas malegalecon por tiuj, kiuj perdas sian kulturon. Krome oni scias nun, ke plurlingva eduko estas kultura riĉigo kaj faciligas lernadon de fremdaj lingvoj. ***NM***




[1] UMP, Unio por Movado Populara estas dekstra partio de Francio, tiu de la prezidanto *Sarkozy*, kaj antaŭe de *Jacques Chirac*.

[2] La artikolo 2 de la Konstitucio, laŭ kiu: «la respublika lingvo estas la franca» kompreneble plu validos, eĉ se la amendo pri regionaj lingvoj estas finakceptata.

[3] La 13-an de majo simila debato okazis en la Senato.

[4] En Francio la Ŝtata Konsilio rolas iuflanke kiel konsilanto de la Registaro, kaj duaflanke kiel la plej alta jura povo de la administra ordo. La Konstitucia Konsilio kontrolas la validecon de la ĉefaj elektoj kaj referendumoj. Ĝi ankaŭ juĝas la konformecon de konstituciaj reguloj kaj leĝoj antaŭ iliaj ekvalido. Foje ĝi ankaŭ intervenas en la parlamenta kaj publika vivo.

[5] La filmo de *Dany Boon* "Bonvenon ĉe la Ŝ'ti" (februaro 2008) rakontas la instaliĝon de francia sudulo, kliŝplena pri la nordo, en etan vilaĝon de la departamento *Nord-Pas-de-Calais* (Nordo-kaleza Markolo). Ŝ'ti (aŭ Ŝ'timi) estas la nomo donita al la loĝantoj de tiu regiono, ĝi venas el la pikardaj dialektoj parolataj tie. En la pikarda ĝi signifas -tiu-, -tiuj-. La ŝ'ti-lingvo estas parolata en la filmo kaj certe kontribuas al ĝia sukceso.

www.agencebretagnepresse.com
www.liberation.fr/actualite/societe/329345.FR.php
Le Monde: www.fairelejour.org/article.php3?id_article=1759

Gazetarkomuniko de la registaro de Aran

# OKCITANA AKADEMIO

## La registaro de *Val d'Aran* kaj IEO (Instituto pri Okcitana Studado) lanĉas la Akademion pri la Okcitana Lingvo

Unuafoje en la historio, la okcitana lingvo disponas pri Akademio, kiu kalkulas je politika kaj institucia rekono de diversaj organismoj kaj kadroj situitaj je la du flankoj de la landlimo (hispania/francia), laŭ la iniciativoj de la Instituto pri Okcitana Studado (*Institut d'Estudis Occitans*, IEO) kaj de la Registaro de *Val d'Aran*. La kunveno por lanĉi la Akademion pri la Okcitana Lingvo okazis en *Vialha*, Valo d'*Aran*, sub la prezidoj de la prezidanto de *Val d'Aran*, *Francés Boya*, de la prezidanto de la Instituto pri Studado de la Okcitana (IEO), *David Grosclaude*, kaj de reprezentanto de la prezidanto de la Eŭroregiono Pirene-Mediteraneo, *Margalida Tous*, kiu estas ĝenerala direktorino pri Lingva Politiko de Balearaj Insuloj. Tiuj, kunvenintaj kun aliaj reprezentantoj de la franciaj regionaj konsilioj (Akvitanio, Sud-Pireneoj kaj Provenco-Alpoj-Azurmarbordo), de la universitatoj de Tuluzo, *Pau Burdeo* kaj *Lleida*, kiuj instruas la okcitanan kaj de la Registaro de Katalunio, decidis krei la Akademion kaj starigi laborgrupon cele al ĝia ekfunkciigo dum tiu jaro.



### DIVERSAJ SUBTENOJ

En la prezenta akto, la prezidanto de la aŭtonoma registaro de la Valo *Aran*, *Francés Boya*, postulis, «politikan rekonon kaj subtenon al tiu lingva institucio, kadre de Eŭropo de la popoloj kaj de la regionoj». Li ankaŭ profitis peti «la engaĝon de aliaj politikaj organismoj kiel la registaro de Katalunio kaj eĉ la Eŭroregiono Pirene-Mediteraneo».



http://www.ieotolosa.free.fr/VF/occitanVF/occitan_presentation.htm

Okcitania mapo en la okcitana.

### UNUECO KAJ DIVERSECO

Siaflanke la prezidanto de IEO detaligis la celojn kaj laborliniojn de la nova Akademio, kiu «volas esti aŭtoritato pri reguligo de la okcitana lingvo, respektante ĝian unuecon kaj la diversecon, kun la partopreno de ĉiuj lingvaj kaj politikaj institucioj de la okcitanlingva teritorio». Li ankaŭ referencis al la simbolo konkretigita per tiu unua asembleo, okazinta ĝuste en la Valo d'*Aran*, kie la okcitana estas oficiala. La Akademio klopodos difini, pluvivigi kaj disvastigi la ortografion de la lingvo kaj laboros en kampoj koncerne grafion, gramatikon, leksikologion kaj toponomion. Ĝin konstituos ĉiuj regionaj konsilioj de la franca ŝtato, kie oni parolas okcitane, la piemonta regiono en Italio, la registaro de Katalunio kaj la registaro de *Aran*. Estos ankaŭ reprezentataj la edukaj servoj de la diversaj teritorioj, la respondeculoj pri instruado de, aŭ en la okcitana lingvo, kaj pri la diversaj sektoroj, kie oni uzas la okcitanan, kiel serĉado, eldono, arta kaj literatura kreado, skriba kaj aŭdvida komunikiloj. Ĉiuj ĉeestantoj al la hodiaŭa akto konsistigas la Plenan Konsilion, 50 membroj entute. ●

Renate Schnack

# "MARO TEMM"

En Germanio vivas, laŭ informo de la koncernatoj mem, inter 220.000 kaj 250.000 anoj de kvar *naciaj* minoritatoj[1]. El ili vivas en Ŝlesvigio-Holstinio proksimume centmil, kaj neniu federaciana lando estas tiom koncernata de minoritataj aferoj kaj de tia kultura diverseco kiel tiu ĉi.

La aktuala "ŝtata raporto" (pri la stato de efektivigo de la Eŭropa Ĉarto de la Regionaj aŭ Minoritataj Lingvoj) mencias 70.000 romaojn[2] en Germanio. Ŝlesvigio-Holstinio supozas ke proksimume 5.000 el ili vivas en aŭ apud *Kiel*, *Lübeck*, *Geesthacht*, *Heide*, *Flensburg*, *Rendsburg* kaj aliloke. Jam dum aro da jarcentoj ili estas konstante en Germanio, se ili ne estis elpelitaj, deklaritaj eksterleĝaj aŭ sisteme deportitaj. La unua mencio de romaoj en la nuna Ŝlesvigio-Holstinio datas de la jaro 1417 el *Lübeck*. Dum la dana minoritato, la frisa etno kaj la soraba popolo vivas longatradicie en certaj regionoj, la romaoj ne formas homogenan unuon en la federacianaj landoj.



**D-ro *Ralf Stegner* (maldekstre), ministro pri internaj aferoj de Ŝlesvigio-Holstinio, kaj *Matthäus Weiss* (dekstre), prezidanto de la Landa Unuiĝo de Germaniaj Romaoj en Ŝlesvigio-Holstinio, metas la funda-mentan ŝtonon por la unua domo la 23-an de majo 2007.**

## NIA LOKO

***"Maro Temm"*** estas romalingva kaj signifas "nia lando/nia loko". Komence ekzistis nur tiu ĉi esprimo kaj la deziro, flanke de la Landa Unuiĝo de Germaniaj Romaoj en *Kiel*, krei perspektivon por loĝado kaj vivado, kiu konsideros la bezonojn kaj la kulturajn specifaĵojn de tiu ĉi nacia minoritato. Tiu ĉi kooperativa loĝiga projekto, kiun modele subtenas la ministerio pri internaj aferoj de Ŝlesvigio-Holstinio, celas ebligi al la germaniaj romaoj en *Kiel* same konservadon de ilia kulturo kaj integriĝon.

Post studo pri realigeblo de tiu projekto, oni luprenis, por daŭro de 75 jaroj, 10.000 $m^2$ ĉe la rando de industritereno en la kvartalo *Gaarden* de *Kiel*, la ĉefurbo de Ŝlesvigio-Holstinio. Tie ekestis, dum la jaro 2007, dek-tri divers-grandaj loĝunuoj de sume proksimume 1.200 $m^2$ da loĝospaco en vicdomaro de malmulta energikonsumado. La kostojn de pli-malpli 1.900.000 da eŭroj kovris ĉefe publika kredito de Ŝlesvigio-Holstinio, kredito de la urbo *Kiel*, donacoj, membrokotizoj, propra kapitalo, normalaj impost-reduktoj kaj konstrulaboroj de la loĝontoj.

Tie kreiĝis loko, en kiu romaoj povas vivi kaj sin apogi reciproke transgeneracie kaj kie ili povas konservi kaj pluevoluigi siajn kulturajn specifaĵojn kaj sian propran lingvon. Sur la fono de tiu sekureco, precipe la nunaj kaj estontaj infanoj estu kuraĝigataj kaj kapabligataj orientiĝi long-daŭre en ambaŭ kulturoj, do, kreski kaj vivi "duobla-flue". Lerneja kaj profesia instruiĝado kaj laborado ebligas partoprenon en la socia vivo. Kiel tiumaniere firmiĝintaj minoritatanoj, ili poste - idealakaze - povos kontribui en la laŭvorta kaj metafora sencoj al la ekzisto-garantiado de sia minoritato kaj al respektiga prestiĝo inter la majoritatanoj sen devi tro multe rezigni pri sia romaa identeco.

Aktiva kontribuado anstataŭ pasiva tolerado en tiu ĉi kampo de politiko tamen provokas ankaŭ kontraŭstaron. En *Kiel* aperis aperta malakcepto de la minoritato kaj ties planoj flanke de privatuloj kaj de oficialuloj.

Okaze de la enmeto de la fundamenta ŝtono, d-ro *Stegner*, la ministro pri internaj aferoj de Ŝlesvigio-Holstinio, elektis klarajn vortojn: «*Kiel* povas fieri pri tiu ĉi lumtura projekto de socia integriĝo.» Liadire, la romaoj estas parto de la socio, kaj kiu provas puŝi tiujn ĉi homojn al la rando kaj izoli ilin, favoras diskriminacion kaj ksenofobion.

Ja estas premiso, ke tia evoluo okazu prudente, sen reciproka tropostulado, konsiderante la kulturajn specifaĵojn kaj la historie kaŭzitan traŭmaton de persekuto; sed ankaŭ necesas ke la minoritato montru sian konsenton pri integriĝo. Ĉio ĉi bezonos fakajn helpon kaj akompanadon en perspektivo de pluraj generacioj. Preskaŭ ĉiuj koncernatoj dolore spertis tra



**Ĉu tiuj ĉi romaaj infanoj vivantaj kun siaj familioj depost la jaro 2007 en nova vicdomaro en *Kiel*, la ĉefurbo de Ŝlesvigio-Holstinio, havos plenajn ŝan-cojn en la germana socio? Tion almenaŭ celas *"Maro Temm"*.**

la jaroj, ke supozantoj de rapidaj kaj videblaj ŝanĝiĝoj kaj sukcesoj estas seniluziigataj. Decidiga estos ekzisto de majoritatanoj, kiuj montros, ke romaoj estas bonvenaj meze en la socio.

*Matthäus Weiss*, nome de la ŝlesvigi-holstinia Unuiĝo de Germaniaj Romaoj, okaze de la firsto-festo, en aŭgusto 2007, diris: «Tio ĉi ne estos geto, ĉar ni ne volas, ke ĝi iĝu geto. Ne, tute male, ni volas malfermi nin, kaj la homoj povas ĉiumomente veni ĉi tien kaj konvinkiĝi pri tio.»

Evidente *"**Maro Temm**"* estas ambicia projekto kun nekonata fino: Ĉu la familioj scios profiti el la pliboniĝinta vivosituacio? Ĉu la Landa Unuiĝo de la Romaoj ekkonos kaj plivastigos la ŝancojn por la anoj de la nacia minoritato?

Jen la intenco de la minoritatista politiko: pozitiva diskriminacio celanta precize konturitan kaj taŭgan progresigon por sekurigo de la minoritata kulturo. Tiu, kiu volas ke minoritatanoj de la germaniaj romaoj ne devu forlasi siajn lingvon kaj kulturon, devas havigi al ili komunan lokon de flegado de lingvo kaj tradicio. Disa loĝado malgrandigas la ŝancojn de pluvivado de la lingvo kaj de la kulturo kaj minacas la transdonadon de kulturo ene de la minoritato per nerevenigebla pereo.

Post la ekloĝo kaj certa kutimiĝa periodo decide gravos - helpe de sociala postprojekto:

1. starigi kaj fidemige pliprofundigi kontaktojn inter la urbanoj de la kvartalo kaj la romaoj de la nova domaro,
2. evoluigi kulturon de renkontiĝado inter la majoritato kaj la minoritato kaj
3. cel-konscie mallongigi la distancon al kleriĝado por la sekvantaj generacioj.

Komunuma salono (kaj post finkonstruiĝo, komunuma domo) prezentu la tiucelajn kondiĉojn. Ĝi estu renkontiĝejo de la kulturoj kun helpado pri lernejaj taskoj, luda lernado, libertempaj aktivadoj, kunsidoj kaj malgrandaj kulturfestoj tiel kontribuante al bona kunvivado. ***RS***

Resumita de *Uwe Jochim Moritz*

---

La ĉi-supra artikolo estas resumo de teksto verkita far *Renate Schnack*, estraranino de la kooperativo de *"MaroTemm"*; ankaŭ la fotoj estas liveritaj de ŝi.

---

Notoj:

[1] La oficiala terminologio ne inkluzivas la platdiĉojn en la naciajn minoritatojn konsiderante ilin regiona minoritato.

[2] Ĉi tie ni ne diferencigas inter la branĉoj (sintoj kaj romaoj), sed uzas la ĝeneralan terminon "romaoj" por ĉiuj.

---

Mer kai überdjibam u Truschlingero Ziro,
djaki ha mare tschabe verbistrera
tumin an maro djibin gar.
Genau djaki hat keck
kua schlimm Ziro darfte bisterella!
Mer wünschera für ganze Menschinge
de well kua Ziro nicht pali.

Atschenn mit u Deble.

**Ni, kiuj transvivis la nazian tempon,**
**kiel ankaŭ niaj infanoj, forgesos**
**vin en nia vivo neniam.**
**Same kiel ankaŭ neniu alia**
**Tiun teruran tempon forgesu!**
**Ni deziras por la tuta homaro**
**Ke tio ĉi ne ripetiĝu.**

**Restu kun Dio.**

Tiuj ĉi linioj troveblas en program-folio publikigita en majo 2000, okaze de solenaĵo por memorigi pri la deportado de la plej granda parto de la romaoj el Ŝlesvigio-Holstinio, efektivigita far la nazia ŝtato la 16-an de majo 1940. (Cetere, scipovantoj de la germana lingvo konstatos ĉi-ties spurojn en la romaa, ekzemple *über-*, *genau*, *schlimm*, *wünsch-*, *für*, *ganze*, *Mensch-*, *mit*.)

Jam ekde 1936 la nazioj etendis la “Nurenbergajn Rasoleĝojn”, kiuj estis direktitaj unuavice kontraŭ la judoj, al la “ciganoj”, kiel oni nomis ofende la romaojn. Fine de 1938, edikto de *Himmler*, la ĉefa responsulo pri la rasisma murdado, tekstis jene: «La spertoj kolektitaj ĝis nun en la batalo kontraŭ la cigana plago kaj la ekkonoj atingitaj per la rasbiologiaj esploroj sugestas ke la reguligo de la cigana problemo estas efektivigenda surbaze de la naturo de tiu ĉi raso.» La romaoj estis devigitaj vivi en koncentrejoj, kiujn ili rajtis forlasi nur pro dungiĝo kaj kun polica permeso.
En 1940 ili estis deportitaj en la jam okupaciitan Pollandon, kie ili suferegis malliberecon, malsaton, malsanojn, medicinajn eksperimentojn, punlaboron kaj morton en gaskameroj. Pli ol 500.000 romaoj el tuta Eŭropo iĝis viktimoj de la nazia amasmurdado.
***UJM***

*Kalle Kniivilä*

# LA HORLOĜO HALTIS EN LA FERIA PARADIZO

La etne purigita feria paradizo Abĥazio estas parto de Kartvelio, sed ĉi tie kartveloj ne estas bonvenaj. Rusiaj turistoj ĝuas la malaltajn prezojn, kaj rusaj militistoj patrolas en la limregionoj.

En Abĥazio la soveta epoko estas finiĝanta - delonge. Ne multo ŝanĝiĝis post 1994, kiam la aŭtonoma respubliko en Kartvelio post sanga interna milito deklaris sin sendependa, kaj rusiaj pactrupoj estis senditaj tien.
Dum la milito la kartveloj - preskaŭ duono de la loĝantaro - fuĝis de la perforto. Daŭre kvaronmiliono da rifuĝintoj loĝas en primitivaj cirkonstancoj transe de la demarkacia linio. La fenestroj de iliaj apartamentoj en Abĥazio gapas malplenaj.



*Georgij Kokolija*, kiu loĝis en *Suĥumi*, la ĉefurbo de Abĥazio, devis fuĝi en 1992 por eviti la batalojn. Nun li loĝas en Moskvo, kie li foje renkontas malnovan lernejan kamaradon el *Suĥumi*- «Li estas abĥazo, min oni kalkulas kiel kartvelon, ĉar mia patro estas kartvelo. Sed sur la persona nivelo ne estas problemoj, ni restas amikoj.»
Inter la registaroj la problemoj estas des pli multaj. Dum la lastaj semajnoj Rusio kaj Kartvelio ripete akuzadis unu la alian pri akrigo de la situacio direkte al malferma milito.
Rusio pliigis sian militan ĉeeston en Abĥazio ĝis pli ol du mil peze armitaj soldatoj. Kartvelio intense observis la regionon per senpilotaj aviadiletoj, kaj almenaŭ unu tia aviadileto estis detruita super Abĥazio.
«Iĝis pli da tiaj aferoj post kiam Kosovo iĝis sendependa. Eble la abĥazoj ekhavis pli da espero pri efektiva sendependiĝo», diras *Georgij Kokolija*.
Reprezentantoj de EU kaj Usono vizitis la regionon por mediacii, kaj unuafoje dum multaj jaroj en la lastaj semajnoj okazis ankaŭ rektaj kontaktoj inter la kartvelia registaro kaj la separatisma registaro de Abĥazio. Sed la kartvela politika analizisto *Paata Zakarejŝvili* opinias, ke la kartvelia registaro nur ludis teatraĵon por altigi sian subtenon en la ĉi-semajnaj parlamentaj elektoj.
*Zakarejŝvili* estis unu el la aŭtoroj de la pac-plano, kiun la antaŭa registaro de Kartvelio diskutis antaŭ tri jaroj. La plano nenien kondukis tiufoje, kaj li ne kredas ke nun ekzistas pli bonaj cirkonstancoj por solvi la frostigitan konflikton.
«Abĥazio ne povas iĝi efektive sendependa, ĉar tio ne estas en la interesoj de Rusio. Aliflanke ja estas en la interesoj de Rusio, ke Kartvelio aspektu nestabila, Rusio ja ne volas ke Kartvelio estu akceptita kiel membro de Nato», li diras.




La plej granda ŝtono de falpuŝiĝo en la strebado al solvo estas tamen ne Rusio, sed la rifuĝintoj. Kartvelio ne povas atingi alian solvon ol tian, kiu permesos al ĉiuj rifuĝintoj revenon al Abĥazio. Tion la separatista registaro ne volas akcepti, ĉar la abĥazoj tiam denove estus malpli multaj ol la kartveloj - la rifuĝintoj estas pli multaj ol la tuta nuna loĝantaro de Abĥazio.

Tial verŝajne daŭros longe, antaŭ ol *Georgij Kokolija* povos vidi la malnovan apartamenton de la familio en *Suĥumi*.

«Mia patrino estis armeno, tial ŝi povis enveturi kaj savi kelkajn aĵojn el la apartamento. Dum la lastaj jaroj ni havas nenian certan informon de tie, sed laŭ famo iu alia ekloĝis en nia malnova hejmo.»

### Iom pri Abĥazio

En la tempo de Sovetio Abĥazio kun sia varma klimato kaj perfekta situo ĉe la Nigra maro estis tre populara celo por feriaj vojaĝoj. En la lastaj jaroj la turismo el Rusio denove iom ekfunkcias, ĉar la prezoj estas malaltaj.

La ekonomio de Abĥazio estas plene dependa de Rusio, kaj granda majoritato de la loĝantaro ricevis rusian civitanecon post la interna milito de la 1990-aj. La limo inter Abĥazio kaj la cetero de Kartvelio estas fermita.

Antaŭ la milito la loĝantaro de Abĥazio estis proksimume 500.000. Duono el la loĝantoj estis kartveloj, la abĥazoj estis nur 17 procentoj. Post milito kaj etna purigo malmultaj kartveloj restas, kaj la loĝantaro malaltiĝis ĝis sub 200.000.

Sud-Osetio en la montara norda parto de Kartvelio estas alia, ankoraŭ pli malgranda separatisma regiono kun proksimaj ligoj al Rusio. ***KK***

## La milito en Abĥazio

**1989** - Etnaj konfliktoj gvidas al perfortaj ribeladoj.

**1991** - Sovetio disfalas, Kartvelio iĝas sendependa.

**1992** - Kartveliaj registaraj trupoj estas senditaj al Abĥazio por sufoki separatismajn tendencojn.

**1993** - Interna milito kaj etna purigado en Abĥazio, la kartveliaj registaraj trupoj estas elpelitaj kun neoficiala rusia helpo.

**1994** - Abĥazio deklaras sin sendependa, rusiaj pactrupoj estas senditaj al la regiono laŭ la kondiĉoj de la armistico.

**2008** - Kosovo iĝas sendependa. La oficiala Rusio opinias Kosovon kaj Abĥazion paralelaj kazoj, intensigas siajn ligojn kun Abĥazio, sed rekonas nek Abĥazion nek Kosovon. La ĉeesto de rusia militistaro en Abĥazio estas ampleksigita kaj la militistoj ricevas pli fortajn armilojn.



*Hask Javed*

# La malamikoj diras, ke ĝi estas la lingvo de la infero,
# *Mi iras al la ĉielo parolante la paŝtuan*

Inter la plej grandaj lingvoj en la mondo staras la paŝtua, parolata de 40-50 milionoj da homoj. La radiko *paŝtu* venas de popolo, kiu nomas sin -paŝtuo- (پشتون *Paštūn* aŭ پښتون *Paxtūn*.) La paŝtuoj estas la plej grava klanara etno kun pli ol 60 grandaj triboj kaj pli ol 400 sub-klanoj. La regionoj kun la plej alta kvanto da paŝtuparolantoj estas en Pakistano, kun pli ol 28 milionoj (15,42% de la tuta loĝantaro), kaj en Afganio, kun pli-malpli 14 milionoj (52% de la tuta loĝantaro). Laŭ kelkaj informoj ankaŭ granda nombro, ĉirkaŭ 10 milionoj, loĝas en Barato, plejparte en *Uttar Pradesh*, elmigrintoj el Afganio (kiuj plejparte forgesis la paŝtuan); sed la takso pri la ĝusta nombro restas malcerta pro manko de oficiala esplorado. Laŭ la kvanto de la parolantoj, la paŝtua estas la 33-a el la mondaj lingvoj. Kune kun la daria (persa), la paŝtua estas unu el la du oficialaj lingvoj de Afganio, ĝi ankaŭ estas la lingvo de la nordokcidenta landlima provinco de Pakistano.

La paŝtua estas hindeŭropa lingvo apartenanta al la hind-persa subgrupo kaj posedas leksikajn rilatojn kun la sanskrita. Germana fakulo de la *Deutschen Morgenländischen Gesellschaft*, asertas, ke ĝi estas la "ido de Avesto", la lingvo de la zoroastra religio kaj la frata lingvo de la sanskrita, sed neniu konas ĝian devenon. La paŝtua lingvo riĉas je propradevenaj vortoj.

## LINGVO DE LA INFERO

Tra la historio la paŝtuoj konis plurajn reĝlandojn, kiel la Suri-imperion, la *Ghurida* dinastion kaj la *Durani*-imperion. Kvankam tiam ilia lingvo ne ĝuis ĉefan rolon ĉar la persa estis la interkomunikilo en la regiono, la paŝtuoj daŭre uzis sian lingvon.

Ĉirkaŭ la 6-a jarcento, la araboj nomis la paŝtuan "lingvo de la infero", ĉar la paŝtuoj, kvankam ili jam vojaĝis al Arabio kaj akceptis la islaman religion, ne adoptis la araban lingvon. Kvankam la araboj taksas sian lingvon kiel sanktan, laŭ aserto de la profeto de Islamo, la paŝtuoj akceptas nek fremdan kulturon nek fremdan lingvon.

## LA PAŜTUA MALPERMESITA EN LA PAKISTANAJ LERNEJOJ

Ĉar la paŝtuoj kontraŭstaris la dividon de Hindio, estante la plej potenca rivala grupo de la panĝaboj (la plej grava etna grupo en Pakistano), la pakistana registaro (plejparte panĝaba) ne permesas al la paŝtuaj infanoj lerni en sia propra lingvo, kaj tial ili devas studi ĉu urdue ĉu angle. La panĝaboj nomas



ilin "ĥan" (moknomo uzata en Pakistano kaj en Barato por paŝtuoj, kiu signifas "riĉulo"-n) kaj ili asertas, ke la paŝtuoj ne bezonas studi.

same kiel alietnaj kleraj afganoj, plejmulto de la paŝtuaj kleruloj, kiel *Sayad Bahaulldin Majroh*, estis nerekte mortigitaj fare de la pakis-tana registaro.



**Paŝtuaj militistoj fotitaj en 1878** de *John Burke*.

## LA TALIBANOJ

Unu el la plej fortaj batoj kontraŭ la paŝtua lingvo okazis post 1996, kiam la talibanoj prenis la povon nome de la paŝtuoj (sed ili fakte favoradis la politikon de la panĝaba registaro de Pakistano). Pro sinsekvo de barbaraĵoj dum la talibana regado, la paŝtuoj, post la falo de la talibanoj, ne plu povis pledi por siaj plej elementaj homaj rajtoj.

## EN LA UNIVERSITATOJ

Plie tre malmultaj paŝtuoj kapablas skribi en sia lingvo, kaj nuntempe tre malfacilas trovi homojn kompetentajn por instrui la paŝtuan en universitato aŭ mezlernejo. Kaj, se studento petas edukadon en la paŝtua, aŭ instruisto provas instrui en ĝi, oni diras, ke «manko de sciencaj materialoj en la paŝtua malebligas studadon en tiu ĉi lingvo.»

## EN AFGANIO

La samo okazas en Afganio. Ĉe la fino de la 1920-aj jaroj, kiam moderna instruado estis enkondukita en Afganion, komenciĝis alia maniero kontraŭstari la paŝtuan lingvon: ĉar la reĝa familio parolis la persan, oni mokis la paŝtuan lingvon asertatne, ke mankas reguloj por ĝin lerni. Aliaj kontraŭstarantoj diris: «Vi (paŝtuoj), la reĝa familio apartenas al via grupo, vi ne bezonas edukadon nek studojn, vi povas fari tion, kion vi volas.» Ili ankaŭ asertis, ke la paŝtuoj estas vilaĝanoj aŭ nomadoj, ke tial ili devas prilabori la teron aŭ iri paŝti ŝafojn. Kaj pro tio, ke paŝtuoj ne akceptas alies regulojn aŭ ordonojn, ili diris al ili: «Se vi edukiĝos, vi devos labori sub iu ĉefoficisto. Ĉu vi kapablos tion fari? Ĉu labori por alia homo ne kontraŭas vian honoron?» Kaj plej surprizige ili ankaŭ diris: «Se via filo aŭ filino edukiĝas, li aŭ ŝi ne plu vin obeos, nek vin aŭskultos kaj ili agos kontraŭ vi.»

Kiam paŝtuaj infanoj ekiris al la lernejo, nur tre malmultaj personoj kapablis instrui en la paŝtua, tial la infanoj devis lerni en la persa. Tia situacio daŭris ĝis la 1960-aj jaroj. Tiam paŝtuoj petis edukadon en sia propra lingvo kaj la registaro kreis la Paŝtuan Akademion. Oni ilin akuzis pri naciismo, faŝismo, malmoderneco, kontraŭstaro de la unueco de Afganio ktp.

Kiam la rusoj invadis la landon, fine de la 1970-aj jaroj, proksimume 4 milionoj da afganoj fuĝis al Pakistano, la plej granda parto el ili estis paŝtuoj. Tie,

## MILITO KONTRAŬ TERORISMO

Unu el la ĉefaj problemoj, aŭ diskriminacio kontraŭ la paŝtua lingvo (mi eĉ parolus pri genocido de la paŝtuoj), estas la nuna milito kontraŭ terorismo en la paŝtuaj regionoj. Nur en *Kandahar*, la ĉefurbo de la paŝtuoj, 154 lernejoj estis fermitaj dum la lastaj du jaroj kaj sama nombro estis bruligitaj aŭ detruitaj fare de ekstremistoj. En *Kandahar*, en la jaro 2005, nur 15 lernantinoj finstudis mezlernejon en la lastaj 13 jaroj. En *Helmand*, alia regiono loĝata de paŝtuoj, du infanoj estis mortigitaj antaŭ samklasanoj, por ke ili ne iru al la lernejo. Kaj en Pakistano, milito flagras en regionoj loĝataj de paŝtuoj, kiel *Swat*, *Bajour*, Norda kaj Suda *Vaziristanoj*...

La manko de edukejoj en la paŝtuaj regionoj plu estas problemo. En la provinco *Ghazni*, en distrikto plejmulte paŝtua, troviĝas nur unu mezlernejo, en *Moquor*, dum en *Jaghori*, distrikto de la sama provinco, sed kie oni plejmulte parolas la hazaran, oni trovas 12-13 mezlernejojn. Estas nur du universitatoj en la paŝtuaj provincoj de *Kandahar* kaj de *Jalal Abad*, dum estas kvin universitatoj en alietnaj regionoj, *Bamyan*, *Takhar*, *Badakhshan*, *Kapisa* kaj *Mazar-e Sharif*.

Do, jen kiel oni trompis la paŝtuojn, kaj kiel la plej granda parto el ili restas nelegipova, tiel ke aliaj lingvoj kaj alilingvanoj povas regi super la paŝtuoj.

***HJ***, tradukis *Brian Russel*

# RECENZO

Mariana Evlogieva

# MITOJ KAJ KOMPROMITOJ




En la pasinta numero de ***Etnismo***, fine de la artikolo: "Du libroj por lerni la romanĉan", ni parolis pri lingvogvidilo verkita de *Gereon Janzing* kaj antaŭanoncis tiun recenzon. Laŭ propra prezento de la aŭtoro, ni diru, ke *Gereon Janzing* naskiĝis en 1963 en *Aachen*. Li studis etnologion, biologion kaj geografion en *Freiburg*. Li mem prezentas sin "kiel sende-penda bonvivulo", kiu interalie vivis kun indianoj kaj kies vivo de engaĝita observanto kondukis al olivrikoltado, same kiel al fabrikado de kaprina fromaĝo. Aktive engaĝita en la protekto de la naturo *Gerion Janzing* scivolemas pri ĉiuj kulturoj de la mondo preferante la realan kulturon de la minoritatoj al la ŝtataj kulturoj.

Karaj gelegantoj,
imagu, ke vetkuras kanibalo kaj esperantisto. Al kiu apartenos la fina venko? Memkompreneble, al la esperantisto, ĉar kanibaloj ne ekzistas! Jen tio estas la mesaĝo de *Gereon Janzing* kaj lia libro "*Kannibalen und Schamanen*". Verdire, li nenie en la verko vortumis precize tiel, sed mi sincere kredas, ke li ne protestus pri mia interpreto.
Spite al la recenzista tradicio, mi plejparte ŝparos al vi miajn saĝegajn pritaksojn kaj precipe rakontos pri la enhavo de la libro. Ne ĉar mi ne havas propran opinion aŭ timas diri ĝin, sed ĉar bedaŭrinde multaj el vi ne povos legi la libron, kiu estas germanlingva.
*Janzing* estas profesia etnologo kaj aŭtoro de multaj artikoloj kaj de kelkaj etnologiaj libroj, inkluzive de plurlingva vortaro tiutema. "*Kannibalen und Schamanen*", kun subtitolo "*Verbreitete Irrtümer über fremde Völker und Kulturen*"[1], batalas kontraŭ eraroj kaj erarigoj, eĉ konsciaj trompoj kaj intencaj fi-famigoj de fremdaj popoloj kaj kulturoj. Mi uzas la verbon "batali", ĉar temas pri pli ol sciencista kritikemo - temas pri persistaj klopodoj de fakulo kaj homo atentigi pri la falsa imago, kiun oni ofte havas pri malmulte konataj etnoj kaj regionoj. Informojn pri ili ordinara homo ĉerpas ne de fakaj volumegoj, sed de mitoj kaj legendoj.



*«Was wissen wir über fremde Völker?»*[2]

**RESUME, LA TEMARO DE LA LIBRO JENAS**:

- Kio estas sovaĝuloj kaj barbaroj?
- Kio estas raso?
- Kion ni (mis)scias pri religioj?
- Ĉu eblas objektive juĝi pri fremdaj vivmanieroj kaj teknologio el sia-kultura vidpunkto?
- Kiel interrilatas fremdaj lingvoj kaj fremdaj pensmanieroj?
- Kion signifas la pereo de etnoj kaj

- kulturoj?
- Kio estas komuna inter arkeologio kaj eksterteruloj?
- Kiuj konataj eraroj ŝuldiĝas al bonintencaj aŭ malicaj trompoj?

## MITOJ

La libro similas al kunmetaĵo de artikoloj, kiuj sekvas pli-malpli saman skemon: la aŭtoro mencias iun miton, prezentas pruvojn pri ĝia erareco (aŭ emfazas mankon de pruvoj pri ĝia probableco) kaj fine konkludas aŭ konkludigas. Iuj asertoj povus ege surprizi: ekzemple, ke la ofte citata parolado de la indiana tribestro *Seattle* ne estas originala, sed verkita por filmo pri naturprotektado (p. 113). Aliaj asertoj eble eĉ ŝokus: ekzemple, ke la plej daŭra efiko de la kristana misiismo en multaj regionoj de la tero estas... la alta nivelo de alkohol-konsumo! (Vidu p. 99.)



## KANIBALISMO

Por turismemuloj al foraj landoj tre interesaj kaj trankviligaj estus la tekstoj pri kanibaloj kaj la konkludo de *Janzing*, ke absolute nenio pruvas la ekziston de kanibalismo kiel socie akceptata fenomeno. Certe estis okazoj, en kiuj en ekstremaj situacioj homoj manĝis homan viandon por ne malsatmorti. Same certe ekzistas karn-avidaj uloj, kiel la "kanibalo de *Rotenburg*", kiujn oni malfacile konsiderus mense sanaj. Sed pri triboj, kiuj bredis homojn anstataŭ bestojn aŭ kiuj per sia kanibalismo terurigis malamikojn, estas neniuj fidindaj pruvoj.



Laŭ *Janzing* la mitoj pri kanibalismo ŝuldiĝas precipe al miskompreno de la metafora uzo de la mencioj pri manĝado de homoj (komparu la metaforan manĝadon de la korpo de Jesuo en la kristanismo) aŭ al intenca fi-famigo de triboj fare de iliaj malamikoj, kiuj tiel pravigis militojn, subigon, eĉ ekstermon de la "kanibaloj". Kiu deziras pliajn informojn, tiu legu ankaŭ la libreton "*Der unwiderstehliche Geschmack von Menschenfleish*"[2], en kiun *Janzing* kunmetis plurajn citaĵojn el fakaj, literaturaj kaj gazetaraj fontoj.

## FIASKINTA PROJEKTO, ĈU?

Por esperantistoj aparte leginda estas la ĉapitro pri lingvoj - ne nur ĉar esperantistoj ĝenerale interesiĝas pri lingvoj, sed ankaŭ ĉar *Janzing* dediĉas al Esperanto artikolon titolitan "Esperanto, *ein gescheitertes Projekt*"[3]. (Vidu pp. 91-92.) Tie estas iuj argumentoj, kiuj utilas en rebato de kritikoj rilate al Esperanto.

## DU REKOMENDOJ

Kiel nefakulo, mi havas nur du rekomendojn. La unua rilatas al la aspekto de la libro: La literoj estas tiel etaj, ke longa legado estas peno anstataŭ plezuro. Se iu E-eldonisto decidos eldoni la verkon de *Janzing* - kion mi bondeziras al la aŭtoro kaj al la potenciala legantaro! - nepre zorgu, ke tiu legINDa libro estu ankaŭ legEBLa!

La dua rekomendo estas al la aŭtoro: En pluraj okazoj ŝajnis al mi nesufiĉaj la argumentoj pri la nekredindeco de iu mito. Jes, certe manko de pruvoj pri io estas dubiga per si mem. Sed pli konvinkas min - nefakulon - klarigoj pri la eventuala kialo por la apero de iu mito. Do mi ŝatus legi pli riĉan argumentaron, kia en iuj artikoloj mankas - supozeble pro limigoj de la amplekso. ***ME***

Notoj:

**1** "Kanibaloj kaj ŝamanoj - Disvastigitaj eraroj pri fremdaj popoloj kaj kulturoj."

**2** "Kion ni scias pri fremdaj popoloj?"

**3** "La nerezistebla gusto de homa viando."

**4** "Esperanto, ĉu fiaskinta projekto?"

# EL ALIAJ GAZETOJ




## Ne nur *Etnismo* parolas pri etnismo...

En la numero 3 de La Karavelo aperis artikolo titolita "Etnismo". Kompreneble ĝi vekis mian atenton kaj mi opiniis necesa paroli pri ĝi en nia gazeto. Temas pri interesa artikolo de *João José Santos*, la fondinto kaj ĉefredaktoro de la Karavelo. La artikolo estas dividita en tri ĉapitroj: «**Lingva realo en nia mondo**», «**Kio estas etno**?» kaj «**La celo de esperantismo**», en kiu esperantio estas proponita kiel etno.

La aŭtoro kuraĝis trakti tiun vastan temon malfacile difineblan, kiu tre ofte vekas emociajn reagojn. Li faris tion tre bone, laŭ sia vidpunkto, kaj certe pri etnismo ekzistas multaj vidpunktoj. Kelkaj terminoj tamen ne ŝajnas al mi trafe uzataj, ĉu temas pri opinio aŭ pri malpreciza uzo pro ne kutimo trakti la temon? *J.-J. Santos* estas portugalo kaj Portugalio apartenas al la malmultaj eŭropaj ŝtatoj, kiuj etne homogenas, sed havas eksterlandan minoritaton, la hispania galega regiono, kies lingvo, laŭ multaj, estas la portugala. La aŭtoro ne parolas pri tio, sed substrekas, ke «**portugaloj ... apartenas al la etno portugalia**», kaj detale priskribas la kompleksan lingvoapartenon de la ekskolonioj kompare kun tiu de portugalo. Ĉu -portugalia- etno aŭ -portugala-? Ĝuste ĉar ŝtatoj, esprimitaj en esperanto per la sufiksoj -io, -ujo aŭ -lando, ne ĉiam koincidas kun etnoj, etnistoj preferas paroli pri -portugala etno-.

En la enkonduka ĉapitro ni nur povas aplaŭdi la aŭtoron, kiam li skribas: «**La valoro de ĉiu lingvo, jen kiel sistemo interesa al la lingviko, jen pro aliaj antropologiaj sciigoj, estas unika, vera raraĵo, ne ripetebla en la historio de la homaro. La lingvocido estas krimo kiu devus esti tiel grave punita kiel la etnocido, eĉ pro tio, ke unu implicas la alian. La etnocido murdas la tutan etnon, vaporigante ĝin el la homaro. La lingvocido murdas la animon de la popolo, vaporigante ĝian antropologian ekziston**».

Ĉu la aŭtoro ne miksas ĉi tie la nociojn -etnocido- kun -genocido-? Ĉar etnocido, kiu same kiel lingvocido ne necese konkretiĝas per mortigo de homoj, ne estas samklare kondamnita de la Unuiĝintaj Nacioj kiel estas genocido[1]. La etnaj rajtoj certe estas protektitaj de la diversaj ĉartoj proklamitaj fare de la Eŭropa Konsilio, sed ĝis nun neniu "puno" ŝajnas antaŭvidita nek por etnocido, nek por lingvocido. Kiel puni lingvocidon, kiu ofte estas multe pli subtila fenomeno ol etnocido kaj genocido? Nur unu kazo venis al mia menso, kie genocido ekzakte kongruis kun lingvocido: la juda genocido, post kiu malaperis la jida lingvo.

Sekvas longa ĉapitro pri difino de etno resumita tiel: «**Etno estas vasta kulturgrupo, kiu satigas la socian neceson de siaj anoj. Tribo vivanta en pra-historia stato konstituas etnon, ĉar ĝiaj anoj obeas al la samaj ĉefoj kaj leĝoj, havas la samajn morojn, la samajn kredojn, la saman gastronomion, kvankam la propra individueco de ĉiu homo interpretas, agas kaj reagas je tiu kulturo laŭ propra maniero. La samo okazas rilate al pli nombra kaj pli sperta etno, al kiu ĝenerale oni nomas nacion. Tamen, strukture kaj antropologie, iu ajn homgrupo kun moroj kiuj konstituas kulturon estas etno**».

Ĝuste pri tio mi demandas min, kaj estus la ĉefa punkto de mia kontesto de la ideoj esprimitaj de *J.-J. Santos*: ĉu vere kulturo sinonimas etnon? Ŝajnas al mi, ke ne. Ŝajnas al mi, ke *J.-J. Santos* forgesis gravan kriterion por difini etnon, la ligon al la tero[2], kaj iu ligo de longa tempo kreita. Ekzemple etnon, kiu devis forlasi sian teron, oni nomas diasporo. Kaj ĝi ofte konservas memoron de sia tero, kiel faras la judoj. Ĉu la naciŝtatoj, kiuj kreiĝis ĉirkaŭ la 19-a jarcento, malaperigante etnojn por artefarite konstrui unuecan kulturon, kiel en Eŭropo faris Francio, Italio, Germanio ktp, estas etnoj? *Marcel Courtiade*, en sia eseo, "Pri difino de etna identeco"[3] diras: «Kiam pli poste formiĝis la modernaj ŝtatoj, sur bazoj strategiaj kaj ekonomiaj en la plej bonaj kazoj, kaj sur bazoj de maksimume hegemonia disvastiĝo en la plej malbonaj, la ŝtatestroj devis pravigi la kreon de ŝtataj unuecoj sen komuna ligo kun la popola sento. Jam formiĝis tiel antikvaj imperioj sed la diferenco estas, ke nun la ŝtatestroj klopodis unuigi la loĝantaron, lingve, more kaj ĉiel. Ili do kreis la nocion de NACIO, kvazaŭante, ke la samŝtatanojn komunigas sango kaj deveno; tiaj pretendoj ofte atingas tamen ridindecon, kiun ni ilustros nur per unu ekzemplo: la franca ŝtato, en kiu vivas la eŭskoj, neeŭropidoj, la keltaj bretonoj, la ĝermanaj elzacoj kaj flandroj kune kun la latinidlingvaj francoj, okcitanoj kaj katalunoj - ne menciante la korsikanojn...» Kompreneble, nun ke malfortiĝas la etnoj, oni ne povas nei, ke tiuj artefaritaj unuecigoj de la modernaj ŝtatoj iom fariĝis realaj. Sed ĉu ili estas etnoj?

Estas interese noti, ke franclingva sviso, *Georges*

*Alexis Montandon*, komence de la 20-a jarcento kreis teorion pri franca etno kaj la franclingva vortaro *Le Petit Robert* en sia difino pri la vorto -etno- donas la sekvan ekzemplon: «La franca etno entenas interalie valonan Belgion, romandan Svislandon, franclingvan Kanadon.» Oni tamen povas forte dubi ĉi-tie, ĉu la lingvo sufiĉas por konsideri kanadanojn kaj romandajn svisojn kiel apartenantajn al la sama etno.

*J.-J. Santos* diras: «**Ĉiu homo apartenas minimume al unu etno. Homo kiu ne apartenus al etno estus vera sovaĝulo, regita de la primaraj instinktoj kaj vivanta en kompleta izoleco. Estas tre malofte, ke homo apartenu nur al unu etno**». Denove ĉi-tie mi tute konsentus kun la aŭtoro, se li anstataŭigus la vorton -etno- pere de la vorto -kulturo-. Mi kompreneble uzus la vorton -kulturo-, kiel la plej vasta, kiu entenus, aŭ ne, la terminon -etno-, ĉar -etno- estas ankaŭ -kulturo-, sed -kulturo-, laŭ mia sento, ne necese estas -etno-. Mi ankaŭ devas diri, ke mi ne donas pli da valoro al -etno- ol al -kulturo-. Kaj tial mi dirus, ke, se certe ĉiuj homoj apartenas minimume al unu kulturo, ne ĉiuj apartenas al etno, ĉu ĉar ili tiom distanciĝis de la origina(j) etno(j), ke ligoj al la origina(j) etno(j) malaperis, aŭ ĉu ĉar iliaj prauloj venas el tiom da etnoj aŭ tiom vojaĝis, ke ili ne plu sentas veran ligon al iu tero, aŭ tutsimple ĉar ili elektis rifuzi etnan apartenon.

Ĉu tiu nura divido inter la terminoj -kulturo- kaj -etno- min multe distancigas de la ideoj esprimitaj en la artikolo de *J.-J. Santos*? Ne tiom ĉar, same kiel li, mi kredas al la unika valoro de ĉiu lingvo, same kiel li mi kondamnas kaj etnocidon kaj lingvocidon, same kiel li mi opinias, ke ni preskaŭ ĉiuj estas ligitaj al pluraj apartenoj, kiel li mi opinias, ke «**De Zamenhofo ĝis nun, la lingvo esperanto ne kreis nur esperantoparolantojn.**» Mi tamen restas prudenta kiam la aŭtoro daŭrigas: «**Ĝi kreis specialan internacian grupon...**». Se certe lingvo ne estas nur komunikilo kaj ankaŭ kreas kulturon al kiu apartenas diversmaniere ĉiuj esperantoparolantoj, esperanta kulturo, laŭ mi, neniam estos etno, kaj tio ne utilus al la homaro kiel etno. ***NM***

Notoj:

[1] Franclingve:
http://www.droitshumains.org/Racisme/G_1.htm

[2] Deklaracio por etnista humanismo
http://www.geocities.com/ikeldv/ethum.html

[3] "Pri Difino de Etna Identeco" *Marcel Cortiade*, IKEL, 1989

# Koro, kiu neniam serbe batis

Temas pri la koro de Kosovo.

***Etnismo*** regule traktis la temon de Kosovo en la tempo de ĝia antaŭa redaktisto. En 1989, post akcepto de nova konstitucio fare de la serba parlamento, kiu nuligis la aŭtonomion de la Socialisma Aŭtonoma Provinco Kosovo, **IKEL** proklamis, la 4-an de aŭgusto en *Brighton* dum Universala Kongreso, rezolucion, kiu, interalie, «insiste petis ĉiujn aŭtoritatojn kaj civitanojn de Socialisma Federacia Respubliko Jugoslavio senprokraste restarigi la plenajn ĝeneralajn civitanajn, kaj specife etnajn lingvajn kaj kulturajn rajtojn de la albanoj».

Lastajn jarojn ***Etnismo*** ne plu traktis tiun temon, unue ĉar la redaktistoj ne ricevis artikolojn pri tiu temo, sed ankaŭ ĉar ni konsideris, ke la temo estas sufiĉe traktata en la tutmonda gazetaro.

Sed la 17-an de februaro Kosovo sendependiĝis kaj estas nun rekonata de 36 landoj. Kiam mi legis la artikolon de *Zlatoje Martinov* en la junia numero de Monato, mi pensis, ke neniu povas skribi pli belan kaj eĉ, mi dirus kortuŝan artikolon pri Kosovo. En kelkaj linioj la aŭtoro klarigas, ke Kosovo apartenis al serba reĝlando dum mezopoko ĝis la falo de tiu regno en 1459, kaj revenis nur en 1912, fine de la balkana milito, jam perdinta «**ajnan serban karakteron**». «**Malgraŭ klopodoj de monarkista Jugoslavio (1918-1945) ŝanĝi la etnan strukturon en Kosovo, albanoj konsistigis etnan plimulton. Cetere Kosovo ne figuris serioze kaj profunde kiel patriota simbolo en serbaj animoj. Kontraŭe, Kosovo por multaj serboj dum jaroj estis simbolo de malpuro, malriĉo kaj primitivismo, ĉar konsiderata etne albana**.» Li klarigas, kiel la reĝimo de *Slobodan Milošević* (1987-2000) politike ekuzis Kosovon alimaniere. Per mitologio kaj per «**nacia kolektiva memoro**» ĝi propagandis pri Kosovo kiel «**koro kaj animo de Serbio**». Ĉar Kosovo estas 90% loĝata de albanoj, sed ankaŭ pro la krimoj de la reĝimo de *Milošević* inter 1989 kaj 1999 la aŭtoro konsideras, ke «**Serbio perdis Kosovon jam en 1999, ne en 2008**.» *Zlatoje Martinov* konsideras sin kiel serbon kaj patrioton, sed li deziras, ke lia lando forlasu mitojn kaj pensu pri sia estonteco: «**pri moderniĝo, pri malfermiĝo al mondo, pri membriĝo al Eŭropa Unio**». Trovi tiujn raciajn kaj realistajn vortojn pri Kosovo en buŝo de serbo aparte tuŝis min. Nur sur tiaj vortoj oni povas konstrui pacon. Samspirite mi aŭdacas esperi, ke la kosovo-registaro, same kiel la civitanoj de Kosovo, scios juste trakti la serban minoritaton. ***NM***




Vidu: ***Etnismo* 45** p. 3-4 kaj ***Etnismo* 47** p. 3 -9.

# KONCIZE EL ...




**ĈINIO. Urumĉji.** Ses jarojn, de 1999 ĝis 2005, *Rebija Kadeer*, altestime titolata “la patrino de la ujguroj”, pasigis en karcero de Ĉinio. Tie ŝi spertis la kontraŭ-homan sintenon de la aŭtoritatoj kaj de parto de la loĝantoj. En 1999 ŝi estis arestita, akuzita pro “agado kontraŭ la lando” kaj “pludono de ŝtataj sekretoj al separatistoj”. Ŝi estis kondamnita al okjara malliberеco. Ŝi supozas ke ŝi povis forlasi la karceron pli frue kaj elmigri al Usono pro fortega internacia premo.

Okaze de vizito en Svislando, dum aprilo 2007, *Rebija Kadeer* estis intervjuita far *Franziska Stocker* kaj *Sarah Aebischer* el la svisa sekcio de “Societo por Minacataj Popoloj”. Ŝi emfazis siajn akuzojn kontraŭ la komunisma Ĉinio, kiu ekde sia fondiĝo en 1949 strebas al eliminado de ĉiuj kiuj engaĝiĝas favore al la ujguroj. Kritikemaj homoj estas timigitaj per minacoj aŭ enkarcerigitaj por ke ili silentu. Kial la ĉina gvidantaro timas sinjorinon *Kadeer*? «Ĉar mi estis sukcesplena negocistino, riĉa, multinflua. Mi estis elektita du fojojn en la ĉinan parlamenton; krome mi okupis aron da aliaj oficoj. Mi konas la ĉinan registaron kaj ĝiajn leĝojn. Krom tio, mi multe vojaĝis kaj vidis la teruran situacion de la ujguroj. La ujguroj sekvas min. En Ĉinio oni timas ke la diversaj ujguraj organizoj kuniĝos sub mia gvidado.»

Cetere vi povos relegi la ***Etnismo***-kontribuaĵojn pri tiu ĉi temo en la n-roj **26** p. 11-12, **61** p. 3-7, **67** p. 2.

***pgrom/muj***

**DANIO. Abenraa/Apenrade.** Danoj kaj aliaj popoloj prave memoras la germanajn imperiismon kaj invadon dum la Dua Mondmilito. Tamen, iom malfacile kompreneblas, pli ol 60 jarojn post tiuj eventoj, la kategoria rifuzo far danaj politikistoj starigi dulingvajn loknomajn tabulojn en la apudlima zono. Tiaj tabuloj estus simbola atentigo pri la ekzisto, norde de la limo, de malgranda germanlingva minoritato de nur 15.000 personoj. Laŭ sufiĉe nova dekreto (11.06.2007) de la federacian-landa registaro de Ŝlesvigio-Holstinio (Germanio), la municipoj rajtas starigi tiajn tabulojn en la normgermana kun aldono de la dana respektive platdiĉa nomformo. Cetere, jam dum dek jaroj ekzistas tiaj tabuloj kun frisaj nomoj, krom la normgermanaj, en la sama federaciana lando.

La prezidanto de la Ligo de Germanaj Nord-ŝlesvigianoj esprimis siajn seniluziiĝon kaj malĝojon pro la sinteno de la danaj politikistoj kaj iom sarkasme aldonis ke danoj evidente tute ne kontraŭas ŝildojn kun la germanlingva surskribo “Ĉambro libera”.

***SR/AH/ ujm***

**GERMANIO. Bräist.** Fine de la jaro 2007 ekvideblis plia simbolo de la ekzisto kaj vivanteco de la frisa lingvo en Norda Frislando (okcidenta marbordo de Ŝlesvigio-Holstinio): La policejoj ricevis tabulojn kun surskriboj en la germana kaj en la frisa lingvoj. Tio signifas ke en la publika sfero la frisa lingvo pli vaste ol antaŭe ĉeestas. Tamen estas bedaŭrinde neeviteble atentigi pri du gutegoj da vermuto: policistoj regantaj tiun ĉi lingvon estas malmultegaj. Kvankam kelkaj almenaŭ komprenas ĝin; la nordfrisoj ankoraŭ ne interkonsentis pri unuecigo de sia lingvo, kiu fakte estas nur fasko da dialektoj, kaj, konsekvence, la policaj tabuloj surhavas la lokan dialektoformon. Tiel la vorto polico (germane: *Polizei*) aperas jene: *Politsai - Politti - Politsei - Poletii*. Ja estas mirige ke malpli ol 10.000 homoj parolantaj ok aŭ naŭ dialektetojn de la nordfrisa idiomo tiel dokumentas sian malkapablon doni perspektivon al sia lingvo por la estonteco. Bedaŭrinde la nordfrisoj ne estas la solaj minoritatanoj nekonsciaj pri la danĝero minacanta ilian kulturon.

***HS/NI/jum***

**JARO DE LA LINGVOJ.** La Ĝenerala Asembleo de Unuiĝintaj Nacioj deklaris la jaron 2008 jaro internacia de la lingvoj kaj al Unesko oni konfidis la taskon kunordigi la agadon por la jaro. Je tiu okazo la Ĝenerala Direktoro de UNESKO, *Koïchiro Matsuura,* dediĉis mesaĝon al la lingvoj en novembro 2007, ĝis nun tradukitan en 39 lingvoj. Inter tiuj interesas nin la lingvoj la plej minacataj: la bambara, la eŭska, la kataluna, la francprovenca/arpitana, la gvarania, la irlanda, la okcitana, la sangoa, la tuarega.

En ĝi ni povas interalie legi, ke «la lingvoj fakte estas nepraj por la identeco de la homaj grupoj kaj individuoj kaj por ilia paca kunekzisto» kaj ke «nia komuna celo estas atingi agnoskon, sur la nacia, regiona kaj internacia niveloj, pri la graveco de la lingva diverseco kaj plurlingvismo en la eduka, administra kaj jura sistemoj, en la kulturaj esprimoj kaj komunikaj iloj, en la ciberspaco kaj komerco.»

Du membroj de la estraro de **IKEL** kontribuis al la respektivaj tradukoj de la eŭska kaj de la franc-provenca/arpitana. Ni instigas ĉiun leganton parolantan lingvon, kiu mankas sur tiu listo, traduki la tekston al sia lingvo. La traduko povas esti sendata al la redaktejo. ***NM***

http://portal.unesco.org/culture/en/ev.php-URL_ID=36320&URL_DO=DO_TOPIC&URL_SECTION=201.html

**SURVOJE AL "UNUIĜINTA NACIO AŬSTRALIA"?** La nova sesio de la aŭstralia parlamento komenciĝis per inaŭgura etoso ĝis nun neniam travivata: Sonoj de diĝeridu-orkestro plenigis la parlamentan salonon en februaro de 2008.

Kaŭzo de tiu nova tono flanke de la aborigenoj estis la anonco pri pardonpeto pro maljustaĵoj faritaj al la indiĝena komunumo de la lando. Plue, en speciala ceremonio la ĉefministro *Kevin Rudd* ricevis mesaĝon de *Matilda House*, reprezentanto de la aborigenoj. Ŝi parolis pri unuiĝo de la lando per paciĝo.

Tiuj maljustaĵoj okazis dum jarcentoj da asimiliga politiko, dum kiuj oni perforte forprenis milojn da infanoj el iliaj gepatroj. Tiu praktiko daŭris ĝis 1960.

Laŭ la korespondanto de BBC, la brita oficiala, tamen sendependa radio, tiu nova ritaro eble montras signon de paciĝo, kiun la ĉefministro provas nutri kaj progresigi. La ĵurnalisto vidas en tiu pardonpeta gesto nur unuan kompensan paŝon pro la profundaj malĝojo, sufero, perdo, nedigna kaj malnobliga traktado. Tiun deklaron subtenis ĉiuj parlamentaj frakcioj, eĉ tiuj de la opozicia partio.

Kiel jam menciite en pli frua eldono de ***Etnismo***, la 460.000 aborigenoj de Aŭstralio konsistigas 2 elcentojn de la loĝantaro kaj apartenas al la plej diskriminaciata grupo de la lando, kun vivespero 17-jara malpli alta ol la mezumo.

La celo de tiu nova politiko estas unue forigi tiujn diskriminaciojn kaj unuapaŝe duonigi la infanmortadon laŭlonge de unu generacio. ***Kurt Fischer***

**KANADO. Malkresko de la inuita lingvo.** Kanada statistika agentejo aperigis la rezulton de censado pri la aborigenaj popoloj de Kanado kaj la inuita estas unu el la tri aborigenaj lingvoj parolata en en tiu lando fare de sufiĉe larĝa popolo. La enketo interesiĝis pri la vivkondiĉoj kaj pri la lingvo. Montriĝas efektive, ke 22% de la inuitoj loĝas plurfamilie en unu loĝejo, 39% en *Nunavut*, la plej granda inuita teritorio de Kanado, kontraŭ nur 5% de la ne-aborigenoj. Plie 25% vivas en domoj, kiuj bezonus seriozajn riparojn, kompare kun nur 13% de la aliaj loĝantoj. «Tio ĝenas la sanon de la inuitoj, sed ankaŭ la edukadon» malkvetiĝas *Mary Simon*, prezidantino de la inuita asocio *Tapirit Kanatami*. Ŝi intencas uzi la rezultojn de la enketo por premi la federalan registaron, nome de la 50.000 inuitoj reprezentitaj de ŝia organizo.

Laŭ la statistiko, la uzo de la inuita lingvo malkreskas same kiel la nombro de la parolantoj. Tiu malĝojiga novaĵo tamen devas esti nuancita de la fakto, ke la lingvo restas en forta pozicio. Kaj la malkresko ne tro rapidas: en 2006 64% (pli ol 32.000 homoj) konsideris la inuitan kiel gepatran, dum 68% en 1996. Tiu malkresko ĉefe okazas en urboj. Alta procento, 69%, raportas, ke ili sufiĉe bone konversacias en la inuita (72% en 1996). La inuita estas same parolata en ĉiuj aĝogrupoj. La nacia bildo kaŝas grandajn regionajn




Fonto*: Inuit Tapaniit Kanatani*, 2005

**Inuitaj regionoj en Kanado.**

diversecojn pri la forto kaj la uzo de la inuita. Dum la lingvo estas forta en *Nunavut* kaj speciale en *Nunavik* (inuita teritorio en la nordo de Kebekio), ne estas la kazo en la regiono *Inuvialuit* kaj en *Nunatslavut*. En la regiono *Nunavik* ĉiuj inuitoj (99%) kapablas sufiĉe bone ĝin paroli por konversacii, kaj la procento estis sama en 1996.

Tre grava kaj kuraĝiga punkto estas, ke la inuita fariĝas lingvo lernata kiel dua lingvo en ĉiuj regionoj. En *Nunavut* 83% mencias la inuitan kiel gepatran dum 91% mencias, ke ili povas konversacii en tiu lingvo. En *Nunatsiavut* 22% el la inuitoj estas gepatraj parolantoj de la inuita kompare kun 27%, kiuj diras, ke ili sufiĉe bone parolas por konversacii. ***NM***

**SARDIO.** *Renato Soru*, centro-lefta prezidanto de la regiono Sardio, parolis sarde en la Regiona Konsilio dum longeta 12-minuta interveno la 28-an de aprilo 2008. En tiu dato, ĉiujare la parlamenteto de la insulo (kiu havas aŭtonomian statuton interne de la itala ŝtato) celebras "Sa Die de sa Sardigna", t.e. La Tago de Sardio, ĉar la 28-an de aprilo 1794 la sardoj ribeliĝis kontraŭ la piemontanoj kaj forpelis ilin el Kaljaro (Cagliari, la insula ĉefurbo). En sia interveno, *Soru* memorigis ke oni povas ribeliĝi kontraŭ malriĉeco kaj krimeco ankaŭ pere de inteligenteco, instruado kaj de la lingvo kaj kulturo de Sardio.

La sarda estas konsiderata aparta latinida lingvo ekde la naskiĝo de lingvistiko, kvankam italaj naciistoj insistas, ke ĝi estas itala dialekto. ***Daniele Vitali***

http://lanuovasardegna.repubblica.it/multimedia/home/2124861?ref=rephpsp2

**GVATEMALO. Televidkanalo por Majaoj naskiĝis.** La indianoj de Gvatemalo fine disponas propran televidkanalon: *TV Maya*. Ĝi dissendas, per la 23 majaaj dialektoj de la lando, kulturajn kaj informajn programojn, kiuj donas majaan vidpunkton kaj proponas alternativon al la komercaj programoj.
«Estis nia revo ekde multaj jaroj, ricevi amas- komunikilon, ĉar la amaskomunikiloj ekzistantaj neniam servis la miljarajn civilizaciojn, nek niajn opiniojn, nek la lingvajn areojn», deklaris la Nobelpremiito pri paco 1992, *Rigoberta Menchu*, kiu ĉeestis la eklanĉon de la kanalo.
La televidkanalo elsendas ĉiutage hispanlingve subskribitan programon, kapteblan nur en la gvatemala ĉefurbo. Sed *Pascual Domingo*, prezidanto de la Akademio de la majaaj lingvoj en Gvatemalo esperas, ke en 2009 la programoj disvastiĝos al ĉiuj centramerikaj landoj kiuj dividas kun la sudo de Meksiko kaj Honduro la spurojn de la majaa civilizacio. http://www.eventeo.net

## IOM PRI ETNISMO

La legantoj de ***Etnismo*** scias, ke la aperritmo de tiu gazeto ne absolute regulas, sed ke **devas minimume aperi po 36 paĝoj dum unu jaro**. Ideale tamen devus aperi po 3 numeroj jare, kio ne plu okazis ekde mia redaktado. Kvankam en la lasta numero mi indikis venontan redaktan limdaton je la 1-a de februaro, la unua numero de la jaro 2008 malfruas kaj aperas nur nun. Tiu malfruo ŝuldiĝas al personaj kialoj, sed ankaŭ ĉar lastan aprilon mi ne disponus sufiĉan nombron da artikoloj por normala numero. Mi dankas tiujn, kiuj sendis artikolojn ĝustatempe kaj bedaŭras, ke ili ne aperis akurate, kaj mi dankas ĉiujn, kiuj, ĝustatempe aŭ ne, kutimas sendi informojn aŭ artikolojn. Kaj mi kuraĝigas ĉiujn legantojn interesatajn sendi ĉu interesajn informojn, ĉu, pli bone, artikolojn tradukitajn al esperanto, aŭ ankoraŭ pli bone, mem verkitajn artikolojn pri etnismaj temoj. Mi ankaŭ dankas ĉiujn, kiuj jam volonte akceptis revizii tekstojn, kaj, se iu bona reganto de la lingvo esperanto, kun reta aliro, proponas sin por revizii tekstojn, li/ŝi estas tre bonvena, unuflanke ĉar tio ebligos plurfojajn reviziojn, kiuj ofte necesas, kaj aliflanke ĉar la ebleco kundividi la laboron malŝarĝigos la jamajn sin-proponintojn, al kiuj mi ofte sendas reviziotajn artikojn en urĝo.
**Vi certe rimarkis, ke la minimuma paĝonombro de po 36 paĝoj estis plej ofte preterpasita kaj atingis 48 paĝojn en 2007, kun interesaj artikoloj el la tuta mondo.** Mi do esperas, ke vi ĝuas la legadon de nia gazeto, kies temaro estas unika en esperantujo.

### TAJP- KAJ LINGVO-ERAROJ EN LA N-O 81

La lasta numero de ***Etnismo*** malfeliĉe sufiĉe riĉis pri tajp- aŭ lingvo-eraroj. Mi tre bedaŭras pri tio, sed malfeliĉe mankis kontrolantoj, kaj, pro urĝo, mi sendis la materialon al la presejo sen sufiĉe da reviziado.
*Uwe Joachim Moritz* skribis por rimarkigi kelkajn erarojn en lia teksto, kaj aparte gravis eraro aperinta en lia **letero de leganto pri terminologio: Ĉu arumano aŭ aromuno?** (p. 39). Efektive mi tajpis, ke la subskribanto de la letero skribis la PIV-an proponon, kiel **-arumeno**-n, kio estus eraro, dum li mem korekte skribis **-arumano**-n. La grava afero estas, ke *Alain Favre* en sia respondo korektis la terminan uzon pensante kaj pensigante, ke *Uwe Moritz* eraris, dum eraris la redaktistino, kies okuloj vidis danci ĉiujn vokalojn de la diversaj terminaj proponoj. Ŝi petas pardonon al la legantoj kaj al la subskribanto de la letero. ***NM***




**- INFORMILO 62**

**Internacia komitato por Etnaj Liberecoj**
**Honora prezidanto:**
***Uwe Joachim Moritz***

### IKEL partoprenis la simpozion pri Lingvaj Rajtoj en Ĝenevo

La legantoj de la UEA-gazeto *Esperanto* povis legi en la junia numero raporton koncerne la Simpozion pri Lingvaj Rajtoj en la Mondo, kiun UEA plensukcese organizis la 24-an de aprilo 2008 en la ĝeneva sidejo de Unuiĝintaj Nacioj. Tiu simpozio, kiu kunvenigis esperantistojn kun neesperantistoj por paroli pri lingvaj rajtoj estis plurflanke tre interesa por etnistoj, unue ĉar tiuj lastaj estas tre koncernataj de lingvaj rajtoj, sed ne nur.
La ĉefa preleganto, Profesorino *Tove SkutnabbKangas* tuj enirigis nin en la temon pri edukado de infanoj indiĝenaj aŭ parolantoj de minoritataj lingvoj, kiu ne respektas la lingvajn rajtojn kaj eĉ povas esti konsiderata sociologie kaj pedagogie kiel genocido, laŭ la konvencio de UN, aŭ jure kiel kontraŭhomara krimo. Laŭ ŝi la plua konservado de kultura diverseco estas forte kontraŭstarata de la angla lingvo kaj aliaj mortigaj lingvoj, kiuj plej ofte estas instruitaj malfavore al la gepatraj lingvoj de la infanoj. La instruado de la gepatra lingvo, kiu ne malhelpas instruadon de alia(j) lingvo(j), devus daŭri minimume 8 jarojn, kaj ideale pli longe. Se tiu minimuma rajto ne ekzistas, oni povas antaŭvidi, ke 90-95% de la lingvoj hodiaŭ parolataj estos ĉu serioze endanĝerigitaj, ĉu estingitaj en 2100.
Aliaj prelegantoj, kiel Profesoro *François Grin* esprimiĝis, kaj ĉeestis pluraj reprezentantoj de indiĝenaj popoloj, S-ro *John Mateo Lopez* el Kolombio, Ambassadoro *Ronald Barnes* el Alasko, kaj, aparte interesa por la legantoj de ***Etnismo*** S-ino *Flor Rayen Calfunao* el Ĉilio, reprezentantino de la mapuĉa popolo, fratino de la mapuĉa ĉefino *Juana*

*Calfunao Paillalej*, nun enkarcerigita en Ĉilio, pri kiu ***Etnismo*** dediĉis du artikolojn (n-o 77 kaj 81). Eĉ Sinjoro *Marc Bron*, reprezentanto de la loka ĝeneva lingvo, la francprovenca/arpitana estis invitita.

## IKEL-estraro

Se ni rigardas la konsiston de la estraro de **IKEL**, kiu aperis kaj plu aperas, laŭ la jaroj, dorse de ***Etnismo***, ni konstatas, ke nia membro *Ursula Schnelle-Moritz* ekfunkciis kiel kasistino de **IKEL** en 1997. Dum 11 jaroj ŝi zorge enkasigis la kotizojn kaj prezentis al ni jarajn konteltiraĵojn! Antaŭ tri jaroj dum la Universala Kongreso de Vilno ŝi anoncis sian demision por 2008. La estraro kaj la tuta membraro de **IKEL** dankegas *Ursula*-n por ŝia regula kaj bonkvalita laboro. Je la venonta asem-bleo de **IKEL**, post malpli ol unu monato, en Roterdamo ni devos elekti novan kasiston. Ĝis nun ni ankoraŭ neniun trovis, kaj tio estas ege malkvietiga, se oni konsideras, ke asocio malfacile povas pluvivi sen kasisto**. Tial ni forte insistas por ke vi ĉiuj, kiuj konscias pri la graveco de tiu Internacia Komitato por Etnaj Liberecoj, pripensu ĉu li/ŝi, aŭ konatulo kompetenta pri financoj, povu dediĉi tempon al tiu absolute necesa tasko.** Se vi havas proponon, vi povas kontakti nian prezidanton *Daniele Vitali*, kies adreso troviĝas sampaĝe.

***NM***

- **KUNVOKO DE LA IKEL-FAKKUNSIDO**

Ĉiuj IKEL-membroj kaj ĉiuj partoprenantoj en la 93-a Universala Kongreso de Esperanto en Roterdamo (Nederlando) estas invititaj al la IKEL-fakkunsido.

Programo: referaĵo de profesoro *Marc van Oostendorp* "Nederlando kaj la Eŭropa Ĉarto pri la Regionaj aŭ Minoritataj Lingvoj. Pri la nederlanda, frisa, limburga, nedersaksa, zelanda, kaj jida". Sekvos debato.

- **KUNVOKO DE LA IKEL-MEMBROKUNSIDO**

Ĉiuj IKEL-membroj estas invititaj partopreni en nia membrokunsido, kiu okazos dum la 93-a Universala Kongreso de Esperanto en Roterdamo (Nederlando). Provizora tagordo:

1. Agadraporto koncerne la pasintan jaron
2. Kontoj koncerne la pasintan jaron
3. Novaj normoj pri membreco kaj ŝanĝo de la decido de Montpelhièr de 1998
4. Elekto de nova kasisto

- **KUNVOKO DE LA IKEL-ESTRARKUNSIDO**

IKEL havos estrarkunsidon en la finaj tagoj de la UK. Ĝi daŭros unu horon kaj okazos la 24-an aŭ 25-an de julio, tuj post la Membrokunsido. Ĉiuj estraranoj estas invititaj partopreni.

***DV***

**Informilo pri etnaj problemoj**

La membroj de la **Internacia Komitato por Etnaj Liberecoj** (**IKEL**) ricevas ***Etnismo***-n sen krompago. Unuopa ekzemplero (de simpla numero kostas 5 € (inkluzive de la afranko). La artikoloj publicitaj en ***Etnismo*** ne nepre esprimas starpunkton de **IKEL**, se ili ne estas subskribitaj ĝianome. Ĉiuj eroj de la "**IKEL-Informilo**" estas oficialaĵoj. La aŭtoroj ne ricevas honorarion. La redaktoro rezervas al si la rajton ne publikigi, mallongigi kaj lingve korekti kontribuaĵon.

## ESTRARO:

**PREZIDANTO: Daniele VITALI** (padiano),
6-12 rue du Fort Wallis, LU-2714 Lëtzebuerg/Luxembourg
tel: ++ 352 48 94 24, retadreso: etnistoj@bifoot.com
TTT-ejo: www.geocities.com/ikeldv

**VICPREZIDANTINO KAJ REDAKTISTINO:**
**Nicole MARGOT** (vaŭdanino),
ch. des Lys 4, CH-1010 Lausanne
tel ++ 41 21 653 14 67, retadreso: n.margot@bluewin.ch

**SEKRETARIO: Nikolas XIL CARVALHO** (asturleono),
1062 postakutxa,
20080 Donostia, Gipuzkoa, Euskal Herria/Eúskio
tel: ++ 34 630 44 68 63, retadreso: n.xil@kzgunea.net

**KASISTINO: Ursula SCHNELLE-MORITZ** (platdiĉino)
Marsweg 5, D-26209 Sandhatten, tel: ++ 49-4482-97225

**KUNREDAKTISTO: Alain FAVRE** (savojano), Damo de Vi, allée du Quart d'Amo 171, FR-74140 Chens-sur-Léman
tel: ++ 33 450 94 02 08, retadreso: afavre1@hotmail.com

**ESTRARANOJ:**
**Hèctor ALÒS I FONT** (kataluno), av. Pla del Vinyet, 91, 1r 1a, 08190 Sant Cugat del Vallès, Katalunio, tel. ++ 34 93 589 75 33, retadreso: h.alos@esperanto-ct.org
**István ERTL** (hungaro), 39, rue Robert Schumann
LU-7382 Helmdange, Luksemburgio,
tel. ++ 352 2633-2659, retadreso: istvan.ertl@gmail.com
**Xabier RICO ITURRIOTZ** (eŭsko),
Manuel Iradier, 22-1-ezk. ES-01005 Gasteiz
Euskal Herria-Eŭskio
retadreso xabirico@euskalnet.net

**SENDOSERVO:**
**KATALUNA ESPERANTO-ASOCIO**, poŝtkesto 1008,
E-08200 Sabadell, Katalunio - Catalunya
tel: ++ 34 93 710 96 36, retadreso: kea-kasisto@esperanto-ct.org

### Kotizoj kaj kontoj:

| Kotizoj | eŭroj |
|---|---|
| Normala | 20.00 |
| Subtenanta | 30.00 |
| Rabatita | 10.00 |

La rabatitan membrecon rajtas ĝui ĉiu persono, kiu aŭ loĝas en (eks)socialisma aŭ "triamonda" lando, aŭ estas studento aŭ emerito.

Bonvolu ĝiri vian **IKEL**-kotizon **ekskluzive** al la konto de **IKEL** ĉe **UEA** (kodo: **ikel-y**) aŭ al unu el jenaj konto de:
UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO
(Nieuwe Binnenweg 176, NL-3015 BJ Rotterdam):
- BELGA poŝtĝirkonto (pĝk) n-ro **000-1631831-97**
- GERMANA (Köln) pĝk n-ro **318291- 509**
  BLZ 370 10050 IBAN:
  **DE51370100500318291509SWIFT PBNKDEFF**
- NEDERLANDA pĝk n-ro **37 89 64**
  **IBAN: NL24PSTB0000378964, SWIFT PSTBNL21**
- SVEDA pĝk n-ro **74374-0**
  IBAN: **SE9595000099604200743740**,
  SWIFT **NDEASESS**
- SVISA pĝk **12-2310-0** (Bulle)

Ĉiukaze indiku "**ikel-y**" kaj la celatan jaron. Bonvolu nepre certiĝi ke via kompleta kotizo alvenu en la **IKEL**-konto: **IKEL** absolute ne povas transpreni kiajn ajn banko- aŭ peradkostojn!

***Ursel Schnelle Moritz***, kasistino

•••••••



**Venonta redaktolimdato:**

**1-a de oktobro 2008**